# BEL informas

Brazila Esperanto-Ligo
psviana@terra.com.br

Redaktas: Paulo Sergio Viana, Aprilo n-ro 4/2010

## NESESAS INFORMI PRI NIA KONGRESO!

La aktiva, influa Esperantisto Prof-o Paulo Nascentes, el Brasília/DF, insistas per interreto, ke ni devas pli emfaze informi kaj instigi nian brazilan komunumon partopreni en la proksima Brazila Kongreso de Esperanto. Li pravas: ĝi estas nia ĉefa evento en la jaro, kaj nemalhavebla okazo por praktiki nian lingvon kaj montri, ke ĝi estas vivanta. La 45-a tutlanda kongreso okazos en la alloga urbo Campo Grande, ŝtato Mato Grosso do Sul, de la 13-a ĝis la 16-a de julio 2010. Ĝi proponos riĉan kulturan kaj distran programon, kiu certe interesos ĉiun Esperantiston. Ni amase diskonigu, invitu amikojn kaj mem partoprenu!
Detalajn informojn per http://www.45bke2010.blogspot.com per la retejo de Brazila Esperanto-Ligo: http://esperanto.org.br.

## MIRECO: DENOVE GRANDA SUKCESO

Je la 28ª de marto 2010 okazis en la urbo Piumhi/MG la 17-a Minasa Renkontiĝo de Esperanto en la Centr-Okcidenta Regiono (MIRECO), denove kun granda sukceso. Reprezentantoj de 13 urboj ĉeestis por diskuti diversajn temojn, interalie pri la enkonduko de Esperanto en brazilajn lernejojn, pri la graveco de lokaj similaj renkontiĝoj por nia movado kaj pri la agado de Esperantista Societo de Minas Gerais. Dancon, kanton kaj konversacion oni praktikis dum la evento. Minas Gerais estas brazila ŝtato kun plej multaj regionaj Esperantistaj regulaj renkontiĝoj, en Brazilo. Imitinda ekzemplo!

## MINAS DENOVE INVITAS: "SUMIRE"

Eduka kaj Kultura Asocio Lazaro Ludoviko Zamenhof invitas denove al alloga programo en la simpatia urbo Pouso Alegre/MG. Ĝi estos la Sudminasa Renkontiĝo de Esperanto (SUMIRE), je la 30-a de majo, kun la temo "Esperanto, grava socia komprenilo". La sidejo de la evento estos "Conservatório Estadual de Música Juscelino Kubitschek de Oliveira". Oni diskutos pri la movado, pri ILEI (Internacia Ligo de Esperanto-Instruistoj) kaj aŭskultos prelegojn. Prof-o José Passini, Prezidanto de Brazila Esperanto-Ligo prelegos pri "Dulingvismo". Konversaciaj rondoj kaj distraj programeroj okazos. Pliajn informojn per:
www.ekpa.cjb.net - www.asociozamenhof.50webs.com - sudminasa.wordpress.com - esperanton@gmail.com - garciajozefo@gmail.com - defripp@ig.com.br
Fábio Silva (35) 88158460 e José Garcia (35) 3423-7887

## ESPERANTO-PODKASTO

De nia amiko Carlos Santos Silva ni ricevis la jenan sciigon:
"Saluton gekolegoj! Jam disponebla en la interreto la naŭa podkasto Planedo Esperanto. Mi petas al vi ĉiuj transsendi la informon al aliaj homoj, se eble. *www.soundcloud.com/planedo-esperanto-2*
Bonan aŭskultadon kaj koran dankon!

Carlos Santos

Ne forgesu! La proksima Renkonto de Esperantistoj en la Paraiba Valo okazos kune kun la Ŝtata Renkontiĝo de Esperanto de Rio-de-Ĵanejro, en la urbo Volta Redonda/RJ.

## INFORMAR SOBRE NOSSO CONGRESSO!

O Prof. Paulo Nascentes, influente Esperantista de Brasília, atenta a comunidade adepta da Língua Internacional sobre a necessidade de informar o grande público sobre o Congresso de Esperanto, nossa manifestação cultural mais significativa. O 45º Congresso Brasileiro vai acontecer em Campo Grande / MS, de 13 a 16 de julho próximo, com rico programa para todos os gostos. Vamos divulgar! Veja detalhas no sítio da Liga Brasileira de Esperanto: http://esperanto.org.br .

## "MIRECO", MAIS UM SUCESSO

Em 28/03/2010 aconteceu mais um "MIRECO" – Encontro de Esperantistas do Centro-Oeste de Minas. Em ambiente amistoso, representantes de 13 cidades da região discutiram sobre a introdução do Esperanto nas escolas brasileiras e sobre as atividades da Sociedade Mineira de Esperanto. Minas é o Estado brasileiro com maior número de encontros regionais de Esperantistas.

## MINAS CONVIDA: "SUMIRE"

A Associação de Educação e Cultura Lázaro Luiz Zamenhof, de Pouso Alegre / MG convida para mais um Encontro de Esperanto do Sul de Minas – "SUMIRE". O evento vai acontecer no Conservatório Estadual de Música Juscelino Kubitschek de Oliveira. No programa, discussões sobre o Movimento Esperantista e sobre a Liga Internacional de Professores de Esperanto (ILEI). O Prof. José Passini, Presidente da Liga Brasileira de Esperanto, vai proferir palestra sobre "Bilinguismo". Informe-se: www.ekpa.cjb.net . E participe!

## ESPERANTO NO RÁDIO

Carlos S. Silva informa novo programa na internet: "Planeta Esperanto". Ouça e divulgue: www.soundcloud.com/planedo-esperanto-2

Vizitu la retejon de BEL
www.esperanto.org.br

BEL informas
Brazila Esperanto-Ligo
psviana@terra.com.br
Redaktas: Paulo Sergio Viana, Aprilo n-ro 4/2010

## DU ESPERANTOKLUBOJ DATREVENAS EN SAN-PAŬLO

Edilsom Sass
Antônio Gatti
Arnaldo Alves

En aprilo datrevenas Libereco Esperanto-Grupo, en São Bernardo do Campo/SP. Oni festas la okazon en la sidejo, ĉe Str. Humberto de Campos, 117. Oni elektos novan estraron sub la prezido de Edilson Sass. La grupo okazigas bazan kurson de Esperanto sabate, je la 16-a horo, kaj oni planas organizi konversacian rondon.
En majo datrevenos EGABEM – Esperanto-Grupo Adolfo Bezerra de Menezes, en la kvartalo Penha, urbo San-Paŭlo. Oni festos ĉe Str. Omachá 182. La Prezidanto de la Grupo, la aktiva Arnaldo Alves, nuntempe estas ankaŭ estrarano ĉe la ŝtata Esperanto-Asocio de San-Paŭlo (EASP).
Ambaŭ kluboj estas aliĝintaj al EASP – jen imitinda ekzemplo!

## ESPERANTISTOJ AGADAS EN LA PARAIBA VALO

Vicente Werneck

La estraro de Esperanto-Grupo de Barra Mansa/RJ informas, ke la klubo plene aktivas. Ĉiun merkredon oni kunsidas je la 19-a horo por praktiki la lingvon kaj plani sian agadon. En aprilo oni iniciatas tie bazan kurson de Esperanto, kun enkonduka prelego pri "La aplikebleco de Esperanto". Oni havas ankaŭ konversacian rondon sub la gvido de Vicente Werneck. La aktiva Esperantisto Jorge Link, el la proksima urbo Três Rios transdonis al la samideanoj la sistemon por komputila babilado per "Skype": la grupo sciigas interesatojn, ke ili estas ĉiam konektataj al la reto, ĉiumerkrede, je la 20-a horo. Ilia adreso ĉe "Skype" estas smc.bruno. La grupo invitas gesamideanojn en la regiono de la Paraíba Valo al vizito.

## EASP ORGANIZAS LEGORONDON

Legorondo

La ĉiam modele aganta Esperanto-Asocio de San-Paŭlo iniciatis tre imitindan programeron: legu mem tion, kion informis ilia "Kuriero": "EASP invitas vin partopreni sian novan klerig-aranĝon. Nekontesteble, la legado estas unu el la plej gravaj rimedoj por akiri sciojn. Ĉiuj konscias pri la graveco de la legado, sed multaj opinias ĝian praktikadon malfacila aŭ eĉ enuiga. Nemalmultaj preferas sidi antaŭ televid-aparato kaj spekti filmon aŭ telenovelon, ol enmanigi al si bonan libron kaj legi. Tamen ekzistas pluraj kialoj, por ke oni ŝanĝu siajn kutimojn kaj eklegu pli ofte, kiel akirado de informoj, komprenado de aktualaĵoj, plirapidigo de la rezon-kapablo, kreskigo de la vort-stoko, amuziĝo kaj multaj aliaj. La lego-rondo konsistos el grupa laŭt-legado de literaturaĵoj, komentado pri la legaĵo, konsultado al vortaroj, lernado de novaj vortoj kaj fraz-turnoj kaj stimulo de la parolo.
La lego-rondo komenciĝos la 24-an de aprilo, je la 16-a horo, sub la gvido de Rogério Ferreira kaj okazos ĉiun duan sabaton. La unua libro estos Denaska Kongresano, de Sten Johansson. La kosto de la parto-preno estas tute senpaga kaj la prezo de la libro estas R$ 12,00, kiun vi povas aĉeti ĉe EASP, se vi ankoraŭ ne havas ĝin. Pliajn informojn per la adreso <contato@easp.org.br> ."

## GRUPOS ANIVERSARIAM EM SÃO PAULO

Em S. Bernardo do Campo, festeja o "Libereco Esperanto-Grupo", neste mês de março, à R. Humberto de Campos 117. Está sendo eleito o novo Presidente, Edilson Sass.

No bairro da Penha, na capital, o "Esperanto-Grupo Adolfo Bezerra de Menezes" comemora seu aniversário, sob a presidência de Arnaldo Alves. Ambos os clubes são inscritos na Associação Esperantista de São Paulo – a entidade estadual. Parabéns!

## ESPERANTISTAS TRABALHAM NO VALE DO PARAÍBA

O Grupo Esperantista de Barra Mansa/RJ informa suas atividades: reuniões regulares às 4ª feiras, às 19 horas, com novo curso básico, precedido de palestra sobre "A aplicabilidade do Esperanto", roda de conversação e uso do "Skype" para contato com outros grupos. Endereço no "Skype": smc.bruno. Estarão sempre conectados às 4ª feiras, às 20 horas.

## EASP ORGANIZA RODA DE LEITURA

A Associação Esperantista de São Paulo inicia um nova, auspiciosa atividade: roda de leitura em Esperanto. Trata-se de sugestiva oportunidade de aperfeiçoar o conhecimento e a fluência no uso do idioma – através da leitura em grupo de bons textos da nossa literatura. Espera-se que os participantes apurem o conhecimento do movimento Esperantista, ampliem seu vocabulário e a capacidade mental de elaborar os conteúdos lidos. Portanto, em todos os aspectos, atividade altamente estimulante. Serão leituras em voz alta, com consulta a dicionário, análise dos textos e de expressões especiais, sob a direção de Rogério Ferreira, sempre no segundo sábado de cada mês. Mais informações com contato@easp.org.br.

Divulgue!

21-a Ŝtata E-Renkontiĝo de Rio-de-Ĵanejro — 15-16 de majo 2010
80-a Renkonto de Esperantistoj en la Paraiba Valo — Volta Redonda/RJ